14-a jaro. — N-ro 5 (159) MAJO 1928.




**Fondita en 1908.**

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

**Fondintoj :** L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

**JARA ABONPREZO : Fr. 20,—**

**EKSTERLANDE : Belgoj 5.—**

ANTVERPENO

1928

ENHAVAS LA KOREKTITAN MENDILON POR LOĜADO.

# OFICIALA INFORMA BULTENO

DE LA

# *20a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*

SUB ALTA PROTEKTORO DE LIA REĜA MOŜTO ALBERTO

ANTVERPENO 3-11 AŬG. 1928.

**Al la kongresanoj** estas sendataj kun tiu ĉi numero : kelkaj **etikedoj**, kiujn ili povos glui sur siajn valizojn, kaj kelkaj **leterkovertoj**, per kiuj ili povos sendigi al si korespondajojn dum la kongresperiodo.

14a JARO N-ro 5 (159) MAJO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj:
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.






# LA MUZEO PLANTIN-MORETUS EN ANTVERPENO

de D-ro **MAURITS SABBE,**

Certe ne ekzistas muzeo en la mondo, kiu tiel esprime kaj tiel komplete eternigas la vivon de tuta generacio, kiu vegetis je la tradicioj de la prapatro, kiel tiu miriga loĝejo de la dekses - jarcenta prapresisto CHRISTOFFEL PLANTIN kaj liaj posteuloj la MORETUS-oj, en Antverpeno. Tio ja estas ĝia plej pura allogo! Ĉiu movo kaj bruo tie kvazaŭ silentiĝis por reporti la vizitanton tute en la sorĉon de la estinteco kaj malserenigi en nenio lian intelektan revadon. Sed ne estas morta historio, kiu tie ĉirkaŭvagas. La estinteco daŭrigas sian silentan sed vekan vivon. Kaj certe ne estas iluzio, kiam ni en la trankvil-intima interna korto, kiu, kun siaj brustbildoj de la ĉefaj praavoj, aspektas kiel la Panteono de la familio, — en la presejo, kie la presiloj kuŝas kiel piaj relikvoj post la laboro de multaj jarcentoj, — en la riĉa biblioteko kun siaj gravaj nuancoj de la belega, bruna ligno de la librobretoj kaj la lumetanta veleneburo de la orde vicumitaj foliegoj; — en la duon-

lumaj salonegoj plenaj je la plej maloftaj trezoroj, kiujn presarto kaj grafiko produktis, — en tiu vasta, orleda salono, kie ravaj lumbrilaĵoj, ludantaj tra vitretoj verdaj kiel Rhejnvinglasoj,karesas la iom paradajn portretojn de la pli postaj, nobeligitaj Moretus-oj; ne estas iluzio, kiam ni pensas, ke ili staras malantaŭ ni: la fondinto de la domo, Plantin, la simpla presmetia lernanto, kiu en 1549 venis Antverpenon, provi sian bonŝancon kaj iĝis la tipografisto de la reĝo de Hispanujo kaj same la reĝo de la tipografiistoj el sia tempo — liaj fidelaj bofiloj JAN MORETUS (lia origina nomo estas Johan Moerentorf) kaj RAPHELENGIUS, «ses deux autres moi-mêmes», kiel li nomis ilin; lia nepo BALTHASAR MORETUS I, kiu plivastigis la patran loĝejon kaj plibeligis, tiel ke ĝi estis nomata unuvorte kun la grava domo de PIETRO PAULO RUBENS. Tie ili estas ĉiuj, ili alrigardas kaj gardas la vizitanton, kvazaŭ ili timus iun sakrilegon.

Estas nur, kiam ni sentas vivi ĉi tiujn homojn, ke ni vere plibone ekkomprenas ilin kaj ke ili iĝas karaj al ni.

Kion ajn la multaj posteuloj dum la jarcentoj povis aliformigi en la komuna familiheredaĵo, la forta spirito de la fondinto restis forte konservata kaj al ĝi donacis por ĉiuj tempoj propran, unikan karakteron.

La Plantin-Muzeo,kun ĉio kiun ĝi entenas estas unu el la plej interesaj monumentoj, kiujn la Flandra Renesanca kulturo postlasis en Antverpeno. La spirito, kiun ni tie renkontas, estas la plej trafa esprimo de tre karakteriza flanko de nia deksesjarcenta vivo. Flanke de la agemo sur la kampo de komerco kaj financo, kiu kuniris kun eksterega elvivado de instinkto kaj temperamento ĉe la ĝuema popolo, flanke de la ekflorado de la pentro- kaj aliaj artoj, pri kiuj ĉi tie,ĉiuj, ĝis la plej modesta homo fieras — pulsbatis en la vasta mondurbo, kiu Antverpeno tiam estis, belega vivo de la penso, kiu sin rivelis forte en la grandaj Renesancfluegoj, la Reformacio kaj la Humanismo. De tiu bela, intelekta vivo, la loĝejo kaj la laborejo de Plantin estis kvazaŭ la centro, kie ne sole la verkaro de teologoj, historiistoj, geografoj, matematikistoj, numismatoj ktp. estis elsenditaj en la mondo kun amo kaj respekto sed kie la kleruloj mem. Montanus, Ortelius, Coignet, Dodoens, Goltzius, S. Stevin, Justus Lipsius, kaj tiom da aliaj,kuniĝis kravaŭ en amika rondo, ĉirkaŭ la gastiganto, tiel riĉa je virtoj kiel je entreprenemo kaj amo por sia metio. Estis ĉirkaŭ tiu Franca tipografiisto, kiu dumvive devis batali kontraŭ materiaj malfacilaĵoj, ĉirkaŭ tiu humilulo laŭ koro, ke disvolviĝis tre granda parto de la historio de la Humanismo en la Nederlandoj kaj en tuta Okcidenta Eŭropo.

La ege interesa korespondado, postlasita de li, nin montras kun kiom da antaŭstarantoj viroj li interrilatis.

La kleruloj lin ŝatis, ĉar li, kiel iam skribis lia amiko De Cayas, sciis parigi la plej grandan kapablon kun la plej granda boneco.

Ili trovis en li viron de senripoza iniciatemo, kies influo kiel eldonisto

sin valorigis tre malproksime de la Nederlandoj. Li konservis la plej agemajn rilatojn kun Flandraj, Brabantaj kaj Holandaj libristoj, sed apartenis al siaj daŭraj klientoj, Angloj kaj Skotoj, Francoj, Italoj, Svisoj, Poloj, Portugaloj, Germanoj kaj precipe Hispanoj. Li estis fondinta filiojn en Parizo, Leiden, Salamanca; estis starigonta unu en London, sendis librojn al Ameriko kaj li tenis specialajn agentojn por disvendi siajn Hebreajn bibliojn en Barbarujo. Sur la grandaj librofoiroj en Frankfurt li estis unu el la plej gravaj kaj fidelaj vizitantoj.

Tiel okazis, ke la intereso kiun incitis la kvara jarcentfesto de la naskiĝo de Plantin, ekhavis preskaŭ Eŭropan karakteron: Nederlandanoj kaj Francoj, Hispanoj kaj Italoj, Germanoj kaj Svisoj, Angloj kaj ankoraŭ aliaj popoloj sentis, ke la famo kaj la verko de Plantin ankaŭ parte apartenas al ili.

La bela kosmopolismo de la humanismaj tempoj kvazaŭ revivas ĉirkaŭ la memoro de la rimarkinda viro, kiu ludis en ĝi tian gravan rolon.

Libro eldonita de Plantin iĝis «a joy for ever». Li studis sian metion ĉe la plej bonaj tipografiistoj en Caen kaj Lyon, kaj li konsideris kiel honoron nur liveri kompletan, belan laboraĵon. Inter la tridek presejoj, kiuj funkciis en 1549 en Antverpeno, la lia, kiun li baptis «La Ora Cirkelo» en mallonga tempo ektenis la unuan rangon, ĉu pro la graveco kaj multflankeco de la presitaj libroj, ĉu pro la ekzempla prizorgo de la realigo. Nur ekzamenu verkon kiel la «Magnifique et somptueuse Pompe funèbre de Charles V», jam presita en 1559 kun la bongusta kunmetado de la titolpaĝo, la riĉeco de la arte gravuritaj kaj koloritaj bildoj kaj vi sentos respekton por la gusto kaj maltimo de la juna presisto. Kaj tiel li presis senriproĉmaniere liturgiajn verkojn ĉiuspecajn, la skribaĵojn de Ekleziaj Patroj, bibliojn, klasikajn eldonaĵojn, la belegajn atlasojn de Ortelius, la herbarlibrojn de De Lobel, De l'Escluse kaj Dodoens, la mesojn de De Monte kaj De la Hèle, la «Priskribo de la Nederlandoj» de Guicciardino, la vortarojn de Kiliaan kaj tiom da aliaj verkoj, proksimume kvindek ĉiujare, ĝis sumo de 1500.

La plej maltimeman tipografian verkon de sia tempo li entreprenis, nome la eldonon de la multlingva Biblio laŭ ordonpeto de Filipo IIa. Ĉi tiu verko, kiu ampleksas ok dikajn foliar-partojn donas sanktan skribaĵon en la Hebrea, la Siria kaj la Greka, ĉiu teksto flankumita de sia latina traduko. La eldono estis gvidata de Arias Montanus, kiu tiacele venis loĝi en Antverpeno, de 1568 ĝis 1573. Filipo IIa ankaŭ sendigis sin de ĉiu presprovaĵo ekzempleron, kiun li ekzamenis tre precize. Nebindita la ordinara eldonaĵo kostis f. 70. Kiam oni staras en la malnova presejo antaŭ la du simplaj manpresiloj, kiuj datumiĝas el la tempo de Plantin, kaj samtempe pensas al la pezaj foliegoj de ĉi tiu Antverpena «Polyglotta» kun ĝia bela speciale ĉizita kaj fandita litertipo, ĝia elektita kaj senriproĉa kompostiĝo, tiam oni ne povas forigi la respektan senton de mallaŭta admiro por la farinto de tiu grandioza verko kaj liaj

kunhelpantoj. Kiom multe kapablis fari tiuj homoj per tiom malmulte da rimedoj!

Plantin ne nur sciis trovi la klerulojn, kiujn al li konfide komisiis la eldonon de siaj verkoj, sed li ankaŭ ĉirkaŭis sin de tuta stabo de desegnistoj, lignoĉizistoj, kaj kuprogravuristoj, kiuj liveris al li la bildojn, ĉefliterojn kaj ceterajn ornamaĵojn, per kiuj li kelkfoje farigis siajn librojn kiel verajn artverkojn. Tuta ĉapitro de la historio de la Antverpena desegno- kaj gravurarto sin malvolas ĉirkaŭ la Plantin-a laborejo.

Ĉiam Plantin provis fari la plej bonan. Li kuniĝis i. a. tiom da tipmaterialo, presiloj kaj figuroj, kiom neniu el siaj Eŭropaj kolegoj povas elmontri. Je iu momento, antaŭ la Hispana Furio, Plantin laboris per dudek-du presiloj. La plej grandaj Francaj tipografiistoj de la 16a jarcento, la Estienne-oj, neniam havis pli ol kvar.

Tiel oni komprenas, ke Filipo IIa nomis Plantin kiel sian «Reĝa Ĉefpresisto», ke Henriko IIIa volis elekti lin kiel «typographus regius» kaj provis venigi lin Francujon per la plej allogaj promesoj ; ke Karolo Emanuelo Ia, duko de Savoye, ege insistis por ke li iĝu la ĉefo de granda presejo en Torino.

Ĉio tio ĉi ne malhelpis, ke Plantin, ĝis la fino de sia vivo, devis batali kontraŭ turmentanta monomanko. Liaj vastaj entreprenoj devigis lin ofte kontrakti pruntojn. Li fidis je Filipo IIa, kiu estis promesinta al li fortan financan subtenon por la «Biblia Regia», la granda «Artiphonarium», kaj aliaj, je lia peto, entreprenataj eldonoj. Kiam la reĝo ne tenis parolon, fariĝis por Plantin dolora luktado por ne perei. Krom tio li suferis grandajn malgajnojn, sekve de la «Hispana Furio» (1576). Naŭ fojojn li estis devigata reaĉeti de la rabistoj sian presejon per troigitaj sumoj, kiujn li devis pruntepreni de sia amiko Louis Perez. Estus por li pli profita, se li nur estus bruliganta la presejon, li skribis iom poste al sia amiko De Cayas. Dum monatoj li tiam ne sufiĉe vendis por pagi la grenon por sia pano. La tuta korespondado de Plantin kun siaj konfidindaj amikoj estas nur unu plendo pri la monomanko, kiu lin premis, tiel ke li pro ĝi malsaniĝis.

Kelkfoje estas precipe trafa meti la grandecon de la Hispanaj revoj kontraŭ la realeco de la timzorgoj de Plantin. En 1572 Arias Montanas estis skribinta pri la plano de l'reĝo, konstrui sur la Meir-placo en Antverpeno en la templo kie la herezuloj estis predikintaj, grandiozan arĥipresejon sub gvido de Plantin je la honoro de Lia Katolika Moŝto kaj por la bonfarto de la Nederlandoj. Plantin ne volis sin okupi pri tiu plano, kaj nur demandis, ke oni al li pagu, kion li elspezis por la «Biblia Regia».

Kiuj ajn sortobatoj kaj seniluziigoj lin trafis, ni ja ne trovas ĉe Plantin eron da amareco aŭ senkuraĝiĝo. Li nur daŭrigis presadon de libroj, kiuj, laŭ lia opinio, «estas pli utilaj por la posteuloj ol por tiu, kiu ilin presas». Kuŝas en la karaktero de Plantin, flanke de la humileco, kiu

formas ĝian esencan fundon, kaj lin Katolikon, alproksimigis de la mistiko de Niclaes kaj Barrefelt, speco de pia kvieteco kaj nobleco de spirito, kiuj permesis al li konservi belan sintenadon en la penaj vivcirkonstancoj. Rimarkinde samtempe estas la memkono kiun Plantin ekmontris. Pli bone ol li ĝin faris en verseto sur la malneto de letero, oni ne povas difini lian intiman naturon kaj moralon idealon:

Un labeur courageux muni d'humble Constance
Résiste à tous assauts par douce patience.

Kuraĝa la labor', humila konstanteco
Rezistas al atak' per dolĉa pacienco.

Estas tiu brila bildo de alta intelekto kaj nobla homeco, kiu postvivas en la Muzeo Plantin - Moretus. La ordinara vizitanto tion eble ne tuj eksentas. Li pli absorbita estas de la bela, en la intim - senta konstruaĵo; de la aristokrata, riĉa meblaro kaj arttrezoroj de la pentrindeco de antikva anguleto; aŭ li ja ekdemandas, sub influo de speco de romantika folkloro, kiu sin formis ĉirkaŭ la Plantin-Muzeo, ĉu estas vere ke en iu el la keloj estas akvoputo sen fundo, ĉu vere en la bilbioteko troviĝas libro bindita per homhaŭto, ĉu la vinbero sur la interna korto ja estas kvincentjara, kaj tiel plu. Por la pli klera homo la ĝuo estas pli kompleta. Li sentas sin en sanktejo de la spirito, kaj li konsciiĝas esti en pia honorigo de homo, kiu en la servo de la spirito oferis siajn plej bonajn vivofortojn.

**El la Flandra tradukis:**

**HECTOR VERMUYTEN.**

---

NOTO. — La Muzeo Plantin, unika en la mondo, donas ege kompletan rigardon super la produktajoj de la libropresarto de la unua tempo post, ĝia eltroviĝo.Ni trovas en ĝi manuskriptarojn, presprovaĵojn, inkunablojn, miniaturojn, kupro- kaj lignogravuraĵojn kaj krome la unuajn uzitajn presilojn. Ege interesataj ni promenas tra la riĉega biblioteko, la literfandejo, la ĉambro de Lipsius kaj aliaj kaj povas admiri ne malpli ol 15 familioportretojn de la majstra peniko de Rubens. La antaŭa konstruaĵo, en kiu estas instalita la muzeo, bedaŭrinde ne datumiĝas el la tempo de Plantin, sed kiam ni estas trairintaj ĝin, ni tute venas sub la ĉarmon de la 16a jarcento.

Gis en la 19a jarcento la familio de la Moretus-oj daŭrigis la laboron komencitan de Kristoforo Plantin en 1549. En 1876 la Urbo aĉetis de Grafo Moretus la domon kaj laborejojn por 1.200.000 Fr. kaj instalis ilin kiel muzeon.

---

# INFORMA BULTENO N° 4

Bultenoj 1, 2, kaj 3: Vidu paĝojn 4, 31 kaj 55.

KOTIZO: 35 Belgojn. — Por infanoj ne pli aĝaj ol 14 jaroj: 5 Belgojn.

Por blinduloj la partopreno estas senpaga.

PAGOJ: Ni tre insistas, ke oni kiel eble plej multe pagu per poŝtĉeka servo, per poŝtmandato aŭ per bankĉeko trastrekita. Tiu ĉi lasta pagmaniero havas la avantaĝon, ke ĝi povas akompani la mendoleteron eĉ ne rekomenditan.

DONACOJ: Ĝis nun ricevita sumo: Bfr. 429.25 (Belgojn 85.85).

BLINDULA KASO: Ĝis nun ricevita sumo: Bfr. 137.50 (Belgojn 27.50).

DISERVOJ: Diversaj diservoj okazos dum la kongreso:

Katolika Diservo: Detaloj sekvas.

Protestanta Diservo: Dimanĉon, la 5an de Aŭgusto, je la 9 1/2 matene, Pastro H. de Jonge, el Bergen-op-Zoom (Nederlando) esperas gvidi Diservon en Protestanta Preĝejo de la Kristo, Bexstraat, 7, Antverpeno, por ĉiuj Protestantoj, sed ankaŭ aliaj Homanaraj Gesamideanoj, en Esperanto. Uzata estos la Himnaro Esperanta de la Brita Esperantista Asocio, Londono. Teksto: 1 Ko. 12: 4 Ekzistas diverseco da donacoj, sed la sama Spirito. Se eble, ĥoro kantos.

Hebrea Diservo: okazos en la ĉefa sinagogo de Antverpeno, Strato de la Arĥitekturistoj (Bouwmeestersstraat — rue des Architectes). Detaloj sekvos.

FAKAJ KUNSIDOJ :(Vidu paĝojn 31 kaj 55). Anoncis sin ankoraŭ por organizo de fakaj kunsidoj.

Eldonistoj Esperantistaj : Aranĝanto : Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn, Londono W. C. 1.

Internacia Ligo de Esperantista Poŝt- kaj Telegrafoficistaro (I. L. E. P. T. O.). — Aranĝanto: S-ro Lod. Bas, 41, ch. de Wemmel, Jette St-Pierre (Bruselo).

Pacifista Ligo (Universala Esperantista). — Gvidanto de la kunsido esto: S-ro Dro J. Glück, Bayreutherstraase, 3, Berlin W. 62.

Radio-interesuloj: Aranĝanto: Dro Döhler, Estro de la Komisiono de Radio-Statistiko, komisiita de ICK, Rosenplatz 11, Riesa (Germanujo).

Stenografiistoj. — Aranĝanto: S-ro L. Cogen, Dreef 52, Ninove (Belgujo).

Tabakkontraŭloj. — Aranĝanto: S-ro E. Urbach, 56 St. Jozefstraat, Antverpeno.

LOĜADO: Ŝanĝo en la redakto de la mendilo! — Por simpligi sian internan laboron kaj librotenadon, la LKK. aranĝis la mendilon uniforme nur por 5-nokta loĝado. Tamen, por komplezi al la kongresanoj, ĝi plenumis la deziron de multaj petintoj, akceptante prizorgi la loĝa-

don ne por 5 noktoj, sed por la preciza nombro de noktoj, kiujn la partoprenantoj pasigos en Antverpeno.

Tial ni dissendas per nuna informa bulteno novan korektitan mendilon. Ni insiste petas la kongresanojn, ke ili do ne uzu la mendilon de loĝado presitan en la numero de Marto-Aprilo.

Speciala oferto pri plena pensiono en unuaranga hotelo. — Ni rezervis por 7 tagoj (de la 4a ĝis la 11a de Aŭgusto) plenan pensionon por 26 personoj po Belgoj 22, — tage por ĉiu persono (+ 20 p.c. por takso kaj trinkmono). Ni donos tiujn lokojn al la unuaj mendontoj. La plena pensiono enhavas loĝadon kaj tri manĝojn ĉiutage.

FERVOJA RABATO SUR LA BELGAJ FERVOJOJ. — La kongresanoj ricevas kun ĉi tiu numero sian indenteckarton por la rabato de 35 p.c. sur la Belgaj Fervojoj. Ili devas skribi sur ĝi la nomon de la Belga limstacio, tra kiu ili enveturos la landon. — La identeckarto estas prezentota en tiu limstacio por akiri la rabaton de tie ĝis la kongresurbo. — Tiuj. kiuj vojaĝos per veturbileto aĉetota ĉe iu vojaĝagentejo, devas al ĉi tiu prezenti la identeckarton, kiam ili mendas sian bileton.

La identeckarto por la reiro estos donata en Antverpeno.

PASPORTO KAJ VIZO. — Pro la multaj koncernaj petoj, ricevitaj, ni kredas, ke estas utile doni ankoraŭ ĉiujn plenajn informojn pri la demando de pasporto kaj vizo:

a) La kongresanoj el Francujo, Luksemburgo kaj Nederlando ne plu bezonas nacian pasporton, nek belgan konsulan vizon, por veni en Belgujon (la kutima identecpapero sufiĉas).

b) Bezonas nacian pasporton, sed ne belgan vizon la kongresanoj el Aŭstralio, Kanado, Usono, Ĥinujo, Kubo, Danujo, Hispanujo, Grand-Britujo, Irlando, Islando, Italujo, Japanujo, Nov-Zelando Norvegujo,Panamo, Portugalujo, Princlando Lichtenstein, Svedujo, Svislando, Urugvajo.

c) La kongresanoj el ĉiuj aliaj landoj (kies nacianoj kutime bezonas ankoraŭ la belgan vizon),povos libere eniri en Belgujon por ĉeesti la 20an Universalan kongreson de Esperanto, prezentante ĉe la landlimo nur sian nacian pasporton kaj sian provizoran kongreskarton kun fotografa portreto. Ili prefere uzu la saman portreton kiel tiu de siaj identecpaperoj.

KONGRESINSIGNO : Je la 15a de Majo la LKK. estis ricevinta 25 projektojn. Ĝi aljuĝis la kvar premiojn al la jenaj projektoj:

1-a premio (40 Belgojn): projekto «Kongresurbo» de S-ro Jacinto Comella, el Vich (Hispanujo); 2-a premio (30 Belgojn). projekto «7« de S-ro Jean Pogoretsky, el Angers (Francujo): 3-a premio (20 Belgojn): projekto «12079/3» de Huguenin Frères et Cie,el Le Locle (Svislando); 4-a premio (10 Belgojn): projekto «Brabo» de S-ro W. De Koning el Antverpeno.

La laŭreatoj bonvolu sciigi al la LKK. la titolojn de la librojn Esper-

antajn, kiujn ili deziras ricevi. — La LKK. kore dankas ĉiujn partoprenintajn gesamideanojn pro la faritaj kolopodoj, dank'al kiuj la konkurso atingis la deziritan celon.

SOMERA UNIVERSITATO pri «La Maro kaj la Navigacio» : Diversnaciaj profesoroj akceptis prelegi. La plano estas preskaŭ tute plena. Ĉiujn detalojn pri temoj kaj prelegontoj aperos en nia proksima bulteno kun la ĝenerala programo pri de la kongreso mem, kaj de la postkongresa ekskurso en Belgujo.

24 Majo 1928. **Loka Organiza Komitato,**

11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

---

# 4a LISTO DE KONGRESANOJ

301. S-ino Bridger Nellie, Erith (Anglujo).
302. F-ino Webb Florence E., ĉokolada pakistino, Northfield ,Angl.).
303. F-ino Marston Edith, instruistino, Northfield (Anglujo).
304. F-ino Nixon Violet, instruistino, Selly Oak (Anglujo).
305. F-ino Read Florence C., instruistino, Bournville (Anglujo).
306. F-ino Yeomans Ivy V., komizino, Birmingham (Anglujo).
307. F-ino Prince Edna G., ĉokolado-faristino, Bournville (Anglujo).
308. F-ino Prince Nelly, scienclaboreja helpantino, Bournville (Angl.)
309. F-ino Randle Miriam M., ĉokolada-pakistino, Bournville (Angl.).
310. F-ino Randle Winifred M., ĉokolada-pakistino, Bournville (Angl.)
311. S-ro Footman Thomas J., komerca komizo, Bournville (Anglujo).
312. S-ro Pingo Thomas Walter, koloristo, Bournville (Anglujo).
313. F-ino Ashby Elizabeth A., Birmingham (Anglujo).
314. F-ino Davis Lilion, inspektorino, Bournville (Anglujo).
315. F-ino Nicol Agnes B., Glasgow (Skotlando).
316. F-ino Nicol Alison A., Glasgow (Skotlando).
317. F-ino Martin Maisie M. R., Glasgow (Skotlando).
318. S-ro Epstein Felix, bankoficisto, Hamburg (Germanujo).
319. S-ino Epstein Emmy, Hamburg (Germanujo).
320. S-ro Bethke Wilhelm, ĉefsekretario, Elberfeld (Germanujo).
321. S-ro Heilker Petrus, lernejestro, Hoofddorp (Nederlando).
322. S-ino Tiard Marcelle, esperantistino, Paris (Francujo).
323. F-ino Bonnet Fanny, profesorino, Paris (Francujo).
324. S-ro Holbrook, Carroll A., stenografisto, Wollaston (Usono).
325. S-ro D-ro Arnhold Heinrich, bankisto-konsulo, Dresden (Germ.)
326. F-ino Craig Isabella M., Glasgow (Skotlando).
327. S-ro Hendriks P., instruisto, Leeuwarden (Nederlando).
328. S-ro Van der Schaaff, adjutanto, Leeuwarden (Nederlando).
329. F-ino Van der Meulen Maria, instruistino, Leeuwarden (Nederl.)
330. S-ro Oliver Arthur Charles, lernejano, Londono (Anglujo).
331. S-ro Baxter James G., Walton - Liverpool (Anglujo).

332. S-ro D-ro Döhler Walter, studkonsilisto, Riesa (Germanujo).
333. S-ino Döhler Ruth, Riesa (Germanujo).
334. F-ino Legay Elise ,instruistino, Roubaix (Francujo).
335. S-ro D-ro B. K. Simonek, D. D. S., Chicago (Usono).
336. S-ro De Clippeleir, Jos., Sint-Nicolaas (Waas), (Belgujo) .
337. S-ro Guadet, Julien, profesoro, Chaville (Francujo).
338. S-ro Keim, Jacob, oficisto, Bingen (Germanujo).
339. S-ro Eckers, Frans, korespondisto, Bingen (Germanujo).
340. S-ro Bachmann, Friedrich. komercisto, Heilbronn (Germanujo).
341. S-ro Kimmerle, Albert, fornkonstruisto, Heilbronn (Germanujo).
342. S-ro Messerschmidt, Otto, dogana inspektoro, Heilbronn (Germ.)
343. S-ro Ellersiek, Friedrich, redaktoro - editisto, Berlino (Germ.)
344. S-ino Ellersiek, Lucie, Berlino (Germanujo).
345. S-ro Pfeiffer, Carl, fervoj - inspektoro, Aschaffenburg (Germ.)
346. S-ro Jaworek, Petro, banestro, Aschaffenburg (Germanujo).
347. S-ro Rieke, Curt, meĥanikisto, Aschaffenburg (Germanujo).
348. S-ro Daŭge, Emil, Berlin (Germanujo).
349. S-ro Buchanan, George D., komercisto, Glasgow (Anglujo).
350. S-ro Elwell, Frederick B., farmacia ĥemisto, Londono (Anglujo).
351. S-ro George, Arthur W., konduktoro, Stapleford (Anglujo).
352. S-ro Lisman, A., Middlesbrough (Anglujo).
353. S-ino Lucking, Middleton (Anglujo).
354. S-ino Mewhort, Grace, pastrino, Banbury (Anglujo).
355. S-ro Price - Heywood, Brian O., studento, Southport (Anglujo).
356. F-ino South Amelia, monkomizino, Banbury (Anglujo) .
357. S-ro Tucker, Reginald F., poŝtisto, Barry (Anglujo).
358. F-ino Offerhaus, Christina, apotekistino, Hago (Nederlando).
359. S-ro Buxton Charles R., Londono (Anglujo).
360. S-ro Hübsch Eduard, fervojisto, Bodenbach (Ĉehoslovakujo).
361. F-ino Baird Jane, instruistino, Edinburgo (Skotlando).
362. F-ino Duncan Nance P., oficistino, Edinburgo (Skotlando) .
363. S-ro Ford James, vinvendisto, Edinburgo (Skotlando).
364. S-ro Gray William H., kontisto, Edinburgo (Skotlando).
365. S-ino Gray Mary H., Edinburgo (Skotlando).
366. S-ro Hare George, inspektoro de Impoŝtoj, Edinburgo (Skotlando).
367. S-ino Crapper Mary, Jayport (Skotlando).
368. S-ro Inglis Thomas V., instruisto, Edinburgo (Skotlando).
369. S-ino Inglis Elizabeth, Edinburgo (Skotlando).
370. F-ino Mellor Blanche, ĉapelistino, Edinburgo (Skotlando).
371. F-ino Muir Mary O., Edinburgo (Skotlando).
372. F-ino Robb Annie, Edinburgo (Skotlando).
373. S-ro Weierter Adolf G., spicvendisto, Edinburgo (Skotlando).
374. F-ino Wight Annie G., Edinburgo (Skotlando).
375. F-ino Barback Toby, Glasgow (Skotlando).
376. S-ro Barback Barnet, inĝeniero, Glasgow (Skotlando).

377. S-ro Göll Karl, fervoja oficisto, Bodenbach (Ĉehcslovakujo).
378. F-ino Klinger Auguste, direktorino, Kaiserslautern (Germ.)
379. S-ro Rollet de l'Isle Maurice, inĝeniera hidrografisto, Paris (Fr.)
380. F-ino Douglas Annie, instruistino, Glasgow (Skotlando).
381. S-ro Merkel Ludwig, apotekisto, Ahlen (Germanujo).
382. S-ino Merkel Marta, Ahlen (Germanujo).
383. F-ino Cocks Ada, Falmouth (Anglujo).
384. F-ino Eldridge Ada, Londono (Anglujo).
385. F-ino Forrester Elsie M., instruistino, Croydon (Anglujo).
386. F-ino George Edith E., instruistino, Whitstable (Anglujo).
387. F-ino George Mary E., instruistino, Whitstable (Anglujo).
388. S-ro Hall W. B., presisto, Gateshead-on-Tyne (Anglujo).
389. S-ino Hall Elizabeth, Gateshead-on-Tyne (Anglujo).
390. F-ino Howlett Annie B., Bushey (Anglujo).
391. F-ino Jayne Florence V., instruistino, Croydon (Anglujo).
392. S-ro Mann John W., vestaĵisto, Leeds (Anglujo).
393. F-ino Rook Mary H., telefonistino, Londono (Anglujo).
394. F-ino Sree Eunice A., Londono (Anglujo).
395. S-ro Postl Karl, studento, Vieno (Aŭstrujo).
396. S-ino Huard Gabrielle, Parizo (Francujo).
397. S-ro Jouis Edgard L., kampkultura inĝeniero, Bihorel-les-Rouen (Francujo).
398. F-ino Plannett Marie, komercistino, Kaiserslautern (Germ.)
399. F-ino Mackie Elizabeth, kasistino, Edinburgo (Skotlando).
400. F-ino Murray Jean, Edinburgo (Skotlando).
401. S-ro Slidders Alfred A., advokato, Dundee (Skotlando).
402. F-ino Wilkie Margaret C., Leith (Skotlando).
403. S-ro Waringhien Gaston, Licea profesoro, Lille (Francujo).
404. S-ino Waringhien Andrée, Licea profesorino, Lille (Francujo).
405. S-ro Kottinski Florentyn, instruisto, Lubelski (Polujo).
406. F-ino Abercromby Isabella, Hull (Anglujo).
407. S-ro Arnott William H., kasisto, Hull (Anglujo).
408. S-ino Arnott Lucy Mary, Hull (Anglujo).
409. S-ino Badger F., Birmingham (Anglujo).
410. F-ino Badger, Birmingham (Anglujo).
411. F-ino Baldwin - Smith Ella, instruistino, Barry (Anglujo).
412. F-ino Clamp Kathleen, Londono (Anglujo).
413. S-ro Durrant Ernest D., komizo, Woodbridge (Anglujo).
414. S-ro Farrow Reuben W., komizo, Birmingham (Anglujo).
415. F-ino Rampling Winifred, Londono (Anglujo).
416. S-ro Thornbury Reginald H., Cheltenham (Anglujo).
417. S-ro Wilke Hans, verkisto, Bonn (Germanujo).
418. S-ro Seidenberg Johan A., prokuristo, Köln (Germanujo).
419. S-ro Hérion Joseph, juvelisto, Verviers (Belgujo).
420. S-ro Fairbaiain Arthur R., inĝeniero, Ryton-on-Tyne (Anglujo).

421. S-ro Goldsmith Cecil C., adminisranto, Londono (Anglujo).
422. S-ro Zausmer Stanislavo, medicina studento, Lwow (Polujo).
423. S-ro Facchi Gaetano, Brescia (Italujo).
424. S-ro Finkler Erich, instruisto, Herne (Germanujo).
425. F-ino Poppé Henriette, St-Niklaas-Waas (Belgujo).
426. F-ino Crisinel Marthe, instruistino, La Chaux-de-Fonds (Svisujo).
427. S-ro Marriott Rhodes, Buxton (Anglujo).
428. S-ro Vermuyten Hector, urba oficisto, Antverpeno (Belgujo).
429. S-ro Calvert John A., arĥitekto, Bradford (Auglujo).
430. F-ino Castel L. M., Toulouse (Francujo).
431. S-ro Winzer Frederick, tenejisto, Gloucester (Anglujo).
432. F-ino Fordoff Winifred, instruistino, Bristol (Anglujo).
433. S-ro Lewis Chris., Bristol (Anglujo).
434. S-ro Head William T., horloĝisto, Bristol (Anglujo).
435. S-ro French James, Edinburgo (Skotlando).
436. S-ino Campbell Edith, Edinburgo (Skotlando).
437. F-ino Cranston Catherine, Edinburgo (Skotlando).
438. F-ino Caw Janet, instruistino, Edinburgo (Skotlando).
439. F-ino Reid Isabella, stenografistino, Edinburgo (Skotlando).
440. S-ro Rae William, Edinburgo (Skotlando).
441. F-ino Findlay Isa, Edinburgo (Skotlando).
442. F-ino Watt Helen G., Edinburgo (Skotlando).
443. S-ro Haenen Herman, administranto, Heerlen (Nederlando).
444. Sro Schneider Henri, fabriklaboristo, Kaiserslautern (Germ.)
445. S-ro Treude Wilhelm, studento, Bochum (Germanujo).
446. S-ro Besleer Josef, studento, Kiel (Germanujo).
447. S-ro Strassert Heinrich, studento, Berlin (Germanujo).
448. S-ro Piper Friedrich, sukeraĵisto, Vechta (Germanujo).
449. F-ino O'Brien Susan G., Worthing (Anglujo).
450. F-ino O'Brien Elizabeth, Londono (Anglujo).
451. S-ro Koopman Gerrit J., Bruselo (Belgujo).
452. F-ino Bower Alice, fabriklaboristino, Sheffield (Anglujo).
453. S-ino Cooper Ethel M. Sheffield (Anglujo).
454. F-ino Vickers Dora, tajlorino, Sheffield (Anglujo).
455. S-ro Norton Reginald W., skribisto, Exeter (Anglujo).
456. S-ro Barton A., Sheffield (Anglujo).
457. S-ino Barton, Sheffield (Anglujo).
458. S-ro Hawkins Edgar A., Londono (Anglujo).
459. S-ro Birkett John J., ĉarpentisto, Moor Row (Anglujo).
460. S-ro Neill Charles, fervojisto, Moor Row (Anglujo).
461. S-ro Neill Allan, fervojisto, Moor Row (Anglujo).
462. F-ino Herford Amy C., Manchester (Anglujo).
463. S-ro Kok Willem, Rotterdam (Nederlando).
464. F-ino Mann Emily A., instruistino, Londono (Anglujo).
465. S-ro Schroeyers Constant, instruisto, Liero (Belgujo).

466. S-ro Peri Antonio, direktoro de societo, La Spezia (Italujo).
467. S-ro de Jonge J. instruisto Assen (Nederlando).
468. S-ro Perrin Georges, Calais (Francujo).
469. S-ro Hamann Fred. A., instruisto, Wauwatosa (Usono).
470. S-ino Hamann Anna F., instruistino, Wauwatosa (Usono).
471. F-ino Hamann Elsa, studentino, Wauwatosa (Usono).
472. F-ino Manssen Era, muzikinstruistino, Zaandam (Nederlando).
473. F-ino Fransen Aarda, instruistino, Zaandam (Nederlando).
474. F-ino Raadsveld Anne, flegistino, Den Helder (Nederlando).
475. S-ro Nyssens Paul, profesoro, Bruselo (Belgujo).
476. F-ino Nyssens Marguerite, Bruselo (Belgujo).
477. S-ro Nadel Erich, komercisto, Koenigsberg (Germanujo).
478. S-ro Janssens Jozefo, asekuristo, Antverpeno (Belgujo).
479. S-ro Bruno Giovanni, profesoro, Romo (Italujo).
480. S-ro Forcada Marsa Antoni, industriisto, Barcelona (Hispanujo).
481. F-ino Chocholkova Hidva, fervoja oficistino, Praha (Ĉehoslovak.)
482. F-ino Chocholkova Milda, faka instruistino, Zidlochivici (Ĉehoslovakujo).
483. F-ino Havrankova Marie, pianistino, Prostèjov (Ĉehoslovakujo).
484. S-ro Trarbach Peter, rektoro, Elberfeld (Germanujo).
485. S-ro Garcia Aguirre Julian, ĵurnalisto, Madrid (Hispanujo).
486. S-ro Brooks S. H., Londono (Anglujo).
487. F-ino Fall D. ,Londono (Anglujo).
488. F-ino Fall C. A., Londono (Anglujo).
489. S-ro Hall Francis E., tabaklaboristo, Londono (Anglujo).
490. S-ro Jacklin Charles E., Hull (Anglujo).
491. S-ino Jacklin Edith E., Hull (Anglujo).
492. F-ino Ludlan Elizabeth, Weston-super-Mare (Anglujo).
493. S-ro Sandoe Ernest( desegnisto, Londono (Anglujo).
494. F-ino Goldsmith Eileen, Remford (Anglujo).
495. S-ro Frankland Cecil M., helpa sekretario, Wallasey (Anglujo).
496. F-ino Burton Muriel, instruistino, West Hartlepool (Anglujo).
497. S-ro Burton Percy, studento, West Hartlepool (Anglujo).
498. S-ro Cosgrove Robert P., masonisto, West Hatlepool (Anglujo)
499. S-ro Backheuser, Everardo, Universitata profesoro, Rio de Janeiro (Brazilo).
500. S-ro O'Dell J. D., farmaciisto, Hailsham (Anglujo).

---

## LAŬNACIA STATISTIKO DE LA ALIĜINTOJ

Angloj 230, Aŭstraliano 1, Aŭstroj 2, Belgoj 60, Brazilano 1, Ĉehoslovakoj 11, Danoj 3, Danzigano 1, Finlandanoj 2, Francoj 36, Germanoj 72, Hispanoj 11, Hungaro 1, Irlandanoj 3, Italoj 8, Japano 1, Kroatoj 4, Nederlandanoj 46, Perso 1, Poloj 9, Saarteritorianoj 3, Skotoj 48, Svisoj 6, Usonanoj 12.

Entute: 572. — Nacioj reprezentataj 24.

## KARAVANO DE MOSSE AL ANTVERPENO

La Esperantistoj el Aŭstrujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzig, Estonujo, Finnlando, Germanujo, Grekujo, Hungarujo, Italujo, Latvujo Litovujo, Memel - teritorio, Polujo, Rumanujo, Sovjet - Unio, Sudslavio, Svedujo, Svisujo kaj Turkujo, kiuj intencas partopreni en la Kongreso Universala faros bone petante de nun la tre detalan informaron pri la karavano, kiun la granda firmo Mosse organizas. Tiu informaro estas nun tute preta kaj presita kaj sendata al ĉiu petanto. Adreso: Rudolf Mosse, Esperanto-Fako, Jerusalemerstrasse, 46-49, Berlin, S. W. 19.

---

## KONGRESANOJ ! VIZITU WIESBADEN EN GERMANUJO ANTAŬ AŬ POST LA KONGRESO !

Wiesbaden, la belega kaj mondkonata banurbo, estas facile atingebla per la ĉefaj fervojlinioj tra Mezeŭropo. La urba trafikoficejo eldonis belan prospekton en Esperanto, kiu estas havebla senpage laŭ mendo per poŝtkarto (adreso : Städtischer Verkehrsbüro, Wiesbaden, Germanujo). Ekzistas la ebleco veturi de Wiesbaden ĝis Köln per eleganta vaporŝipo tra la plej raviga parto de Rejn-valo. Membroj de Loka Esperanto-Grupo kore akceptos kaj gvidos kongresanojn, kiuj anoncos sian alvenon al «Esperanto-Grupo» Wiesbaden, Walkmühlstr., 25.

---

## INĜENIEROJ KAJ TEKNIKISTOJ DE ĈIUJ LANDOJ

Preparante la eldonon de la «Tutmonda Adreslibro» de inĝenieroj, teknikistoj, ĥemikistoj (Esperantistoj) de ĉiuj landoj, ni petas vin — pro la sukceso de l'afero kaj via propra utilo — sciigi al ni kiel eble plej baldaŭ (almenaŭ per postkarto) viajn familian — kaj, antaŭan nomon, detalan adreson, karakteron de via agado, kie vi servas ktp. — Presigo de ĉi tiuj informoj estos senpaga.

Bonvolu adresi jene: «Esperanta Internacia Komerca Informilo». — M. Wittenberg, Berlin W. 62, Kleistrasse, 31, Germanujo.

---

## EL LA UNIVERSITATAJ MEDIOJ

Antaŭ la Antverpena kongreso okazos en Bruselo la Unua Internacia Universitato Konferenco. Tiu ĉi estos kunvokata de la Franclanda Universitata Federacio kaj de la Brusela Esperantista Universitata Grupo. Ĝi celas unuiĝon de Esperantistaj universitatanoj, kaj multege utilos al akcelo de la propagando en la intelektaj medioj.

Tiu plej grava kunsido de ĉiulandaj universitatanoj okazos en Bruselo de la 30a Julio ĝis 2a Aŭgusto. Dum ĝi estos starigata la Internacia Esp. Universitata Federacio, kiu celos i. a. organizi racie la Esper-

antan propagandon en la sciencaj medioj. Delegitoj el Anglujo, Japanujo, Estonujo, Polujo, Francujo. kc. jam anoncis sin.

Por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro G. Van der Lyn, 74, rue de Hollande, Bruselo.

## INVITO

La Norda Federacio de la S. F. P. E. havos sian kongreson en Lille (Nordfrancujo), la 1an de Julio: laborkunsido, komuna tagmanĝo, esperantaj teatramuzoj. Eksterlandaj samideanoj estas kore invitataj.Por pliaj sciiĝoj sin turni al S-ro Waringhien, 17, Pl. Simon Vollant, Lille. (Kongreskarto: 5 fr. fr.! Tagmanĝo: 25 fr.fr.)

## BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — Sabaton, la 24an de Marto okazis en «Brasserie de la Bourse» la diplomdisdono al la laŭreatoj de la kursoj de F-ino M. Jacobs, S-roj H. Vermuyten, J. Schiffer kaj G. Bastiaensen. Partoprenis la ekzamenon kaj akiris la diplomon kun plej granda merito: F-ino Vanhees, Maria 95 pc.; S-ro J. Clement 94 pc.; F-ino Hubens Jeanne 92 pc.; S-ro Biermans J. 90 pc.; kun granda merito: F-ino Van Ryn M. 86 pc.; F-ino De Bock Cl. 83 pc.; Suykerbuyck K. 83 pc.; F-ino Bellon 82 pc.; kun merito: S-ro Gerrits G. 74 pc.; S-ro Hubens L. 72 pc.; S-ro De Hondt A. 72 pc.; S-ro Van de Veyver 71 pc. Ĉiuj kursanoj de F-ino Jacobs. El la kursanoj de S-ro J. Schiffer, akiris la diplomon kun la plej granda merito: S-ino Richard G. 91 pc.; S-ro Van Schooten C. 91 pc.; kun granda merito: F-ino Voormeulen E. 85 pc.; S-ro Timmermans J. 81 ps.; Fino Richard S. 81 pc.; S-ino Timmermans G. 80 pc. Kun merito: S-ro Brees L. 70 pc.; S-ro Belmans 68 pc. Por la kurso de S-ro H. Vermuyten: kun plej granda merito: S-ro De Winter Fr. 93 pc.; S-ro Corremans A. 90 pc.; granda merito: F-ino De Waal Corn. 87 pc.; S-ro Jennes Ch. 87 pc.; kun merito: F-ino Dirckj 70 pc.; kun sukceso: S-ro Rosquin C. 65 pc.; S-ro Van der Sanden V. 62 pc. Por la kurso de S-ro G. Bastiaensen: kun plej granda merito: F-ino De Decker C. 98 pc.; S-ro Wijnen Fr. 94 pc.; kun granda merito: S-ino Tops, S-ro Blijweert J., S-ro Bastiaens Edm. 86 pc.; kun sugceso: S-ro Pieters C. 67 pc.; S-ro Pinck Fr. 61 pc. Post la disdono de la diplomoj kaj premioj nia Prezidanto S-ro M. Jaumotte, gratulis la diplomitojn kaj dankis la profesorojn pro ilia sindonemo kaj pro la akirita rezultato. Nia honora Prezidanto S-ro Schoofs, aldonis kelkajn vortojn pri la kongreso, Poste S-ro Jaumotte faris tre interesan paroladon ilustritan per lumbildoj pri sia libertempvojaĝo en Elzaco-Loreno.

Intima dancado finigis la vesperon.

Sabaton la 31an nin vizitis S-ro Hasegewa el Séoul (Japanujo), kiu parolis pri sia lando kaj sia lingvo. Post la parolado S-ro Vermandere

montris per lumbildoj fotografaĵojn de la grupa vivo, kiuj ofte naskis ridadon.

Sabaton, la 14an de Aprilo, okazis la ĝenerala monata kunveno en la kutima ejo «Witte Leeuw».

Jaŭdon, la 19an de Aprilo malfermiĝis la 7a kurso de la sezono. Kvardekkvin lernantoj sin prezentis. S-ro Maur. Boeren ĝin gvidas flandralingve.

Sabaton, la 21an, G-roj Faes invitis la Grupanojn en sia muzikvendejo por gramofonkoncerto. Estis tre agrabla vespero, kiun ĉeestis multnombra aŭdantaro.

Sabaton, la 28an, S-ro H. Vermuyten parolis pri la teatraĵo «Beatrijs» de Herman Teirlinck. Lia interesa parolado rikoltis varmajn aplaŭdojn.

**«En la Instituto Supera de Komerco».** — La 8an de Majo fondiĝis grupo de la studentoj-Esperantistaj, sub la honora prezidanteco de nia malnova samideano Frans Swagers, profesoro ĉe la nomita instituto. La nomo de la nova grupo estas «Esperanto - Grupo de la Instituto Supera de Komerco de Antverpeno». Ĝia celo: interesi la studentojn al Esperanto, organizi en la instituto Esperanto-kursojn kaj havigi al eksterlandaj interesiĝantoj informojn pri la universitata vivo en Belgujo.

La komitato estas kunmetita jene: Prez.: S. Prager, Vicprez.: Arpad Ronay, Sekretario: Arth. Dralans, kasisto: J. Mühlman, konsilanto: W. Warchawski. Adreso: 41, rue des Peintres, Antverpeno.

La nove fondita grupo de la studentoj de la Instituto Supera de Komerco de Antverpeno komencis sian propagandon inter la gestudentoj organizante la 14-an de Majo paroladon pri nia lingvo. La parolado, lerte kaj sprite farita de S-ro Fr. Schoofs, plene sukcesis. Sekve de tio, komenciĝis jam la postan tagon kurso de Esperanto por la studentoj de la Instituto. Ĝin partoprenas pli ol 40 gestudentoj gvidataj de nia rumana amiko S. Prager, kiu nun estas ankaŭ studento en tiu altlernejo.

BRUSELO. — Sabaton 10an de Marto. — Malfermiĝis nova kurso gvidata en flandra lingvo de S-ro Somerling. Ĉeestis 9 lernantoj.

Dimanĉon, la 11an de marto, la grupanoj ekskursis al Marly (Vilvorde). Bela vetero, kora gajeco, agrabla tagmanĝo, nenio mankis. — Ĉiuj ekskursanoj plej bone amuziĝis.

Mardon, 13an de marto, okazis parolado de S-ro R. Chapron, advokato el Le Mans kaj Vicprezidanto de la «Internacia Asocio de Esperantistaj Juristoj», pri «Esperanto kaj Juro», en la Hejmo de la Studentoj. Ni esperu ke la elokventeco de nia franca samideano konvinkis la advokataron kiel faris la klopodoj de S-ro Vanderlyn kaj la parolado de nia eminenta samideano S-ro H. La Fontaine, en la studentaj rondoj.

Lundon, 19an de marto, demokrata vespermanĝo finigis la ĝeneralan kunvenon.

Lundon, 26an de marto, la grupo akceptis nian japanan samideanon

S-ro Hasegaŭa, kiu improvize parolis pri ĉiuj vidindaĵoj, kiujn li admiris dum lia dujara vojaĝo tra la mondo.

Dimanĉon, 1an de aprilo, ekskurso al Tervuren por dekkvin anoj, kiuj kune tagmanĝis post agrabla promenado tra la arbarego.

Lundon, 2an de aprilo, perfektiga kurso.

Jaŭdon, la 5an de aprilo, propaganda parolado franclingva de D-ro P. Kempeneers pri «Danzig kaj la Universala Esperanto - Kongreso», en Fédération Postscolaire de St. Gilles».

Lundon, 9an de aprilo, la grupo kunvenis en intima festeto, kiun plej agrabligis kantoj kaj dancoj.

Lundon, 16an de aprilo, Diversaĵoj.

Lundon, 23an de aprilo, Ĝenerala kunveno.

Dimanĉon, 29an de aprilo, la grupo organizis ekskurson al la Gentaj «Floralies» (Florekspozicio). Dank'al la afableco de kelkaj Gentaj samideanoj la ekskurso fariĝis vera sukceso. La Bruselaj grupanoj prezentas al ili sian plej koran dankon pro la gvidado en la ekspozicio, la komuna tagmanĝo kaj la vizito de la urbo. La gvidantoj montriĝis veraj samideanoj laŭ la «interna» senco de la vorto.

Lundon, 30an de aprilo. Amuza vespero.

KORTRIJK (Courtrai). — La publika kurso organizita la 28an de marto estis vera triumfo; pli ol 200 gelernantoj ĉeestis; la salonego de la urbdomo, kie okazas la kurso, estis tro malgranda! 206 lernolibroj kaj multaj vortaroj estis vendataj. Oni devis organizi du kursojn: la unuan gvidas S-ro Debrouwere kaj la duan nia malnova samideano S-ro Demey. La grupo apenaŭ ekzistas kaj jam kalkulas preskaŭ 100 anojn! Tiu mirinda sukceso por nia movado estas tiom pli ĝojiga,ĉar antaŭ unu jaro ekzistis en Kortrijk nur 3 aŭ 4 izolaj Samideanoj! Tiun belan rezultaton ni plej grandparte ŝuldas al la bona propaganda laboro de nia juna amiko Debrouwere helpata de la tiea delegito de U. E. A. S-ro Vanbiervliet. De januaro ĝis fino de aprilo aperis 25 artikoloj en la loka gazetaro pri nia movado.

GENTO. — Nova kurso malfermiĝis la 18an de aprilo.

La grupanaj regule kunvenas ĉiumerkrede kaj tiuj kunvenoj estas vere interesaj dank'al la ĉeesto de kelkaj nebelgaj studentoj, tre bonaj esperantistoj, kiuj devigas la aliajn paroli nur Esperante.

NINOVE. — La nova sekcio de la Ruĝa Kruco de Belgujo, en Ninove, kies prezidanto estas nia samideano L. Cogen organizis de sankta jaŭdo ĝis Paska lundo lasta serion de grandaj propagandaj festoj.Inter ili okazis en la pacjuĝistejo internacia ekspozicio de la Ruĝa Kruco en kiu nia samideano pendigis du kadrojn unu nur pri Esperanto, montrantan po unu libro de ses diversaj fakoj (pedagogio, scienco, komerco, literaturo, sociologio kaj Esperanta propagando) «elektitaj inter diversaj miloj da dokumentoj», la duan montrantan la verkon de kapitano Bayol «Esperanto kaj Ruĝa Kruco» kaj la diverslingvajn Ruĝ-Krucajn vorta-

retojn, ĉiujn metitajn sur granda pápera ruĝa kruco. Antaŭ la kadroj sur tablo kuŝis aro da propagandiloj kunportotoj de l'publiko. Tiu Esperanta faketo altiris la atenton de multaj scivolaj vizitintoj, kaj diversaj personoj petis pliajn klarigojn. Entute, bona, taŭga propagando.

RONSE (Renaix). — Dank'al la klopdoj de nia bona amiko S-ro De Boes kiu tien transloĝis, ni povas esperi havi baldaŭ grupon en tiu beleta flandra urbo.

SANKTA NIKOLAO. — La grupo «Al Triumfo» plej sukcese festis sian kvinan datrevenon per agrabla festeno. La prezidanto, S-ro Geerinck,per koraj vortoj bonvenis Gesinjorojn De Boes kaj entuziasme parolis pri nia afero. Dankante S-ro De Boes faris la historion de la grupo kaj laŭdis la St. Nikolaan samideanaron. Belga Ligo kaj kelkaj grupoj sendis bondezirojn al la jubileanta grupo. S-roj Schoofs kaj Petiau malhelpataj ĉeesti, senkulpigis sin letere. Kantoj kaj dancoj agrabligis la vesperon, dum kiu okazis loterio por kiu kelkaj firmoj sendis belajn surprizojn. Dum la festeno oni sendis telegramon por gratuli nian samideanon. S-ron Scheerders, jus nomita kavaliro de la Leopoldordeno.

La urbestraro decidis donaci al la grupo monsubtenon de 500 fr.

«Verda Rado». La nova bicikleta sekcio organizis la 29an de aprilo ekskurson al la Genta florekspozicio. Multaj anoj partoprenis.

---

## GRATULOJ

Al S-ro ALBERT MEULEMAN, membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, kiu edziĝis la 10an de Majo kun F-ino LEA LOOTS.

Al Gesinjoroj P. BENOIT, el Oostduinkerke, al kiuj naskiĝis tria infaneto: Jean, la 9an de Aprilo 1928.

Al la sekvantaj samideanoj, kiujn la Belga Registaro honorigis per nomado en la naciaj ordenoj:

Kavaliroj en la Ordeno de Leopoldo:

S-ro LOUIS RITSCHIE, ĝenerala Direktoro ĉe la urbestraro de Antverpeno, kasisto de «Antverpena Grupo Esperantista»;

S-ro LEON SCHEERDERS, industriisto en Sta Nikolao, varma subtenanto de nia movado en tiu urbo.

Kavaliro en la Ordeno de la Krono:

D-ro WILLEM VAN DER BIEST, kuracisto, prezidanto de la Unuiĝo de la Belgaj Kuracistoj, Sekretario de la L.K.K. de la 7a Kongreso en Antverpeno, 1911.

---

## NEKROLOGO

S-ro PIERRE MORRENS, frato de F-ino Jeanne Morrens, komitatatanino de «La Verda Stelo», Antverpeno,mortis en Aprilo.Ni prezentas al la familio niajn plej sincerajn kondolencojn.

# DEZIRAS KORESPONDI

S-ro M. PAIRON, Langeweg, 19, Mortsel (apud Antverpeno), kongresano No 174, deziras korespondi kun aliaj kongresanoj, kiuj okupas sin pri aĉetado kaj vendado de p. m., precipe neuzitaj bonfar-poŝtmarkoj.

Junulo 15jara deziras korespondi kun fremdlanda Esperantistino vizitonta la mondkongreson en Antverpeno, JULES DE GRAEVE, Boomgaardstraat, 206, Berchem-Antverpeno.

S-ro Golosow, Fot. «Prasa», Chmielna, 8, Varsovio, Polujo, kiu ĉeestos la kongreson, dezirus rilati kun Antverpena fotografisto konanta Esperanton. Li interesiĝis je ĉio, kio koncernas la fotografadon.

Antverpena Esperantisto, 34-jara, deziras korespondi kun alilandaj Esperantist(in)oj, kiuj vizitos la mondkongreson, por skriba kaj persona interkonatiĝo. Temo laŭ deziro. S-ro A. Swalf, Campenhoutstraat, 8. Berchem-Antverpeno (Belgujo).

---

La Esperantista grupo de Kortrijk, ŝatos akcepti gesamideanojn el malproksimaj landoj, kiuj vizitos la Universalan kongreson en Belgujo. Sin turni al S-ro P. Mattelaer, apotekisto, Voorstraat, 40, Kortrijk.

---

# LA BULVARDULO

Simila al leon', naskita en sklaveco,
Sed kiu ĉiam sentas rangon de deven',
Mezuras ĉiutage, — rev' de libereco —
Malvastan kaĝon ĝi, dum nerva la promen':
Li revas ja pri neperdita la Edeno
En nevidebla kaĝo de volupt', dolor',
Eluzas sur cement' de l'monda urb-areno
La elastecon, la purecon de la kor'.
Sed kiam rododendroj ornamadas skvaron,
Devigas, foje nekonscia lin komand',
Forkuri la mizeran, grizan urb-ŝtonaron
Ĉagren - melankolie, al printempoland'.
Li ne post si rigardas, timas la ripozon,
Tra la herbej', arbar' rapidas pli kaj pli:
Kastelperdinto forkuranta furiozon
Atentas pri la mejloj, nur malantaŭ si.
Sed kiam vesperiĝas kaj sub altaj arboj
El stranga l'arbetaj' leviĝas la nebul',
Malkovras tur-pinteton li sur l'oraj farboj,
Ĉielmontrantan, kvazaŭ nigra la makul'.
Ĝis brika vojo resonigas lian paŝon
Tra la senhoma kamp' radsulkon sekvas li,

La kamparano laca finis sian draŝon,
Salutas pace lin ĉe la domet' de si.
Kaŝita vidas li, de el preĝejportalo
— naive junularo dancas sur la plac' —
Leviĝi sur ĉiela, orumita halo
L'eburan lunon, la senditon de la pac'.
Tra la svarmantaj kuloj preterŝvebas l'an
Okulon vualitan, el altec', hirund'.
Elektis ĝi la sendanĝeran neston dian
Kaj malaperas nun en la vespera fund'.
Ho! La flugiloj preskaŭ-tuŝis lian vangon:
— De la feliĉ' revita la flugila bat' —
Li man-pugnigas, ĝemas, lip-elmordas sangon
L'Ungegon sentas la sopir' kaj mem-kompat'.

Tradukita el la Nederlanda de
HECTOR VERMUYTEN.

---

# BELGA LIGO ESPERANTISTO

## ĜENERALA ĈIUJARA KUNVENO.

Tre estimataj Geliganoj!

Ni havas la honoron inviti vin por ĉeesti la Ĝeneralan Ĉiujaran Kunvenon de «Belga Ligo Esperantista» kio okazos **dimanĉon, 10an de junio proksima, je la 4a p. t. m., en «Brasserie Flamande» ,Strato Auguste Orts, (kontraŭ la Borso) en Bruselo.**

Tagordo :

1. Parolado de la Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. Raporto pri la U. E. F. (Belga Teritorio).
5. Civila personigo de «Belga Ligo» kaj ĝia transformo en «Societo sen profita celo».
6. Universala Kongreso en Antverpeno.
7. Viena Kongreso: Helpo al la organizintoj.
8. Organizado de la propaganda laboro.
9. Diversaĵoj.

Ni permesas al ni altiri vian bonvolan atenton pri la 8a punkta de la tagordo: «Organizo de la propaganda laboro». Estas bona okazo por la Liganoj, konigi siajn sugestojn kaj ni esperas, ke multaj el ili ĉeestos la kunvenon.

Intertempe ni prezentas al ĉiuj niaj gesamideanoj la esprimon de niaj plej sindonemaj sentoj.

La Ĝenerala Sekretario, HENRI PETIAU.

La Prezidanto, FRANS SCHOOFS.

## EKZAMENO PRI PROFESORA KAPABLECO.

Ni havas la plezuron informi la Liganojn, ke «Ekzameno pri profesora kapableco» okazos en Antverpeno dimanĉon 23an de septembro proksima.

La prezo de la enskribo estas po 50 fr.

La anoj, kiuj deziras partopreni tiun ekzamenon estas petataj informi la Ligan Sekretarion S-ro Henri Petiau,St-Lievenslaan, 60, Boulevard St-Liévin, Gento, kaj pagi la sumon de 50 fr. al la ĉekkonto No 1337.67 de «Belga Ligo Esperantista».

Ni memorigas, ke la grupoj povas peti la organizon de tia ekzameno en sia urbo mem, kondiĉe, ke la nombro de la kandidatoj estu sufiĉe granda.

**La Ligestraro.**

---

# ESPERANTA AKADEMIO

**(El la cirkulero de 30. Aprilo 1928).**

Jen la rezultato de «Elektoj en la L. K.: Nombro de la L.K.-anoj: 126. — Voĉdonis 92. — Plimulto 47 voĉoj.

Estas elektitaj: S-ro Muĉnik 89 voĉoj; S-ro Sabadell 88 voĉoj; S-ro Drezen 87 voĉoj; S-ro Bofil M. Granada 86 voĉoj; S-ro Ghez 85 voĉoj; S-ro de Menil 84 voĉoj; S-ro Zwach 83 voĉoj; S-ro Uitterdijk 81 voĉoj; S-ro Sepulveda Cuadra 78 voĉoj.

**Akademiaj decidoj.**

La Akademio, fidela al la Zamenhofa sistemo por landnomoj kaj forigante ĉian alian solvon, decidis per 15 voĉoj kontraŭ 2 (Febr. 1928), ke la solaj landnomoj, kiujn ĝi povas aprobi estas tiuj **nome** montritaj en la verketo **Pri Landnomoj, la sistemo de D-ro Zamenhof.**

Ĝi aliparte opiniis, ke la § 15 de la Fundamenta Gramatiko ne estas tie ĉi aplikebla, kaj ĝi decidis, ke la rimarko (1) de l'**Vortaro de la Oficialaj Radikoj** (p. 31) kaj de **Klasika Libro** (p. 119), kiu estis nur komentaria noto de l' Prezidanto, estas nuligota.

Malprave oni riproĉas la Akademion, ke ĝi estas tro konservema ke ĝi nenion faris.

Tro konservema! sed kial do, se oni deziras esplorojn pri difinitaj lingvaj demandoj, pri ia ŝanĝo en nia Regularo, oni ne uzas lojale la rimedojn montritajn en la §§ 15-23 de ĉi tiu Regularo?

Ĝi nenion faris! Ĉu nenio: la longa laboro de la **Korektoj de la eraraj tradukoj en U. V.**, la **Aldonoj**, la **Vortaro de la Oficialaj Radikoj**, la eldonado de **Klasika Libro** en 6 lingvoj ,la tradukoj en 4 aliaj lingvoj estas pretaj, nur mono mankas; ĉu nenio, la grava, multnombra, privata korespondado prilingva de kelkaj Akademianoj, kaj la jaraj Raportoj? Prof. Grosjean-Maupin preparas nun novan **Aldonon** al nia Vortaro!

Trankvile, senbrue ĝi efektive laboras kaj ne meritas la riproĉon pri

nelaboremo, ĉar ĝi rifuzas preni sur sin taskon, kiu ne, nepre ne, estas la ĝia: plirapidigi la evoluon de la lingvo!

Ni trankvile, senŝanceliĝe iru nian rektan vojon: per disciplino, per unueco ni venkos ĉiujn momentajn malfacilajojn.

TH. CART.

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

## KOOPERA SOCIETO

### POST DU JAROJ

Estas eble interese rememorigi por iuj el niaj belgaj amikoj, kaj por niaj eksterlandaj legantoj, pri la starigo de «Belga Esperanto-Instituto», kiu nun ĵus finis sian duan laborjaron, kaj kies administrantaran raporton, kun bilanco kaj profito- kaj perdo-kalkulo, ni ĉi sube presas.

«Belga Esperanto-Instituto» ekstariĝis en la mezo de la Antverpena grupo «La Verda Stelo», kies komitatanoj emis fondi societon, starigitan sur financa bazo, kaj kiu povus helpi la Belgan Ligon, la Belgajn grupojn kaj ankaŭ ekster-starantajn kaj fremdajn societojn kaj grupojn en la eldono kaj presado de Esperantajoj.

Tiuj kelkaj membroj ne hezitis longtempe kaj en prepara kunsido, kiu antaŭiris la oficialan starigon kaj kiu fakte nur estis komitata kunsido de «La Verda Stelo», la 13 membroj ĉeestantaj subskribis kapitalon de 12.500 frankoj.

Tiu sumo estis la minimuma kapitalo enskribita en la statutoj; kiuj aperis en la Belga ŝtatgazeto «Moniteur Belge» de la 13a de Marto 1926. Kiel oni vidos per la ĉi subaj ciferoj, post du jaroj tiu kapitalo preskaŭ sesobliĝis.

Multaj belgaj kaj diversaj fremdaj geamikoj intertempe efektive komprenis la subtenindecon de tiu nova entrepreno, kies statutoj autaŭvidas regulan alpagon al la subskribintoj de deca rentmono — ĝis nun estis pagitaj 7 1/2 pc. nete — kaj dediĉo de parto de la profito al Belga Ligo Esperantista, por ĝia propagando.

Sepdek personoj ĝis nun jam aĉetis akciojn de «Belga Esperanto - Instituto». Laŭ la statutoj, la kosto de unu akcio estas CENT frankoj, de kiuj nur DUDEK estas pagotaj dum la enskribjaro. Dum la ok sekvantaj jaroj, la administrantaro rajtas alvoki ĉiujare po DEK procent de la subskribita sumo. Tiuj kiuj deziras, tamen rajtas ankaŭ kun permeso de la administrantaro pagi en unu fojo la enskribitan sumon.

Oni rajtas enskribi unu aŭ diversajn akciojn. La plej malgranda kunhelpo estas akceptata same dankeme kiel la pli grava.

Tiuj, kiuj deziras pliajn informojn povas sin turni al la sidejo de la koopera societo «Belga Esperanto - Instituto», Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien, Antverpeno. Prospekto enhavanta la tutan statuton de la societo, kun enskribilo, estos sendata al ili.

La ordinara ĝenerala kunveno de la akciuloj okazis la 6an de Majo 1928. La Administrantaro prezentis sian raporton pri la pasinta societa jaro, el kiu ni ĉerpas jenajn detalojn:

KAPITALO. — Nia kapitalo, kiu dum la antaŭa jaro kreskis de Fr 12.500 ĝis Fr. 27.000,atingas je la fino de la 2a societa jaro: Fr. 69.900.

Ni povas do konstati, ke niaj klopodoj por akiri novajn enskribojn havis bonan rezulton. La ĝisnuna sukceso estas promeso pri plua kunlaboro de Belgaj kaj eksterlandaj Esperantistoj, por krei vivfortan kaj stabilan Esperanto-organizaĵon. La pagita kapitalo atingis je la 13a de Marto 1928: Fr. 30.562.—.

AKCIULOJ. — Je la fondiĝo de la societo ni havis 13 akciulojn: je la fina de la unua jaro ni havis 47 akciulojn, kaj je la 31a de Marto 1928 ni atingis la nombron: 70.

PROPRAJ ELDONOJ. — Ni eldonis aŭ reeldonis:

1) propagandan leterpaperon, kovertojn, poŝtkartojn kaj sigelmarkojn, kiuj ĝuis bonegan akcepton precipe de la eksterlando;

2) specialan eldonon por Belgujo de la Franca «Ruĝa broŝuro»;

3) tri seriojn de poŝtkartoj pri Antverpeno;

4) specialan Esperanto-insignon por universitatanoj.

Ni nun entreprenas la eldonon de:

1) La Flandra Ŝlosilo, kiu pro teknika motivoj ĝis nun ne aperis;

2) Belga Antologio (2 volumoj), kiu estos preta dum la 20a Universala Kongreso de Esperanto;

3) «Introduction à l'Esperanto» de S-ro M. Rollet de l'Isle (Franca klariga kaj propaganda broŝuro) aperos en Majo 1928;

4) tri serioj de ilustritaj poŝtkartoj pri Bruselo, aperos en Majo 1928;
unu serio de ilustritaj poŝtkartoj pri Bruĝo, aperos en Majo 1928;
unu serio de ilustritaj poŝtkartoj pri Kortrijk, aperos en Majo 1928;

5) Korespondaj kursoj en Flandra kaj Franca lingvoj..

KONTRAKTOJ. — Ni sukcesis akiri la solvendrajton de:

1) la Vortaro Schidloff Nederlanda-Esperanto — Esperanto-Nederlando;

2) la medaljono de D-ro L. D. Zamenhof, skulptita de Antverpena artisto samideano Rik Sauter.

LIBROVENDADO, ABONADO, REKLAMO KAJ PRESADO. — La bilanca cifero de la vendoj (Fr. 73.905.29) montras gajigan disvolviĝon de nia entrepreno.

Dum la pasinta jaro ni entreprenis diversajn preslaborojn (gazetoj, libroj ,kaj aliaj) por en- kaj eksterlandaj klientoj.

INVENTARO. — Je la 31a de Marto 1928 la valoro de nia provizo de libroj kaj alia materialo (kliŝoj kc.) estis, laŭ farita inventaro, Fr. 26.654.18.

REZERVOJ. — Laŭ pasintjara bilanco niaj rezervoj estis:

| | | |
|---|---|---|
| rezervo por amortizo de Inventaro | Fr. | 1.045.38 |
| laŭlega rezervo 5 p.c. | Fr. | 82.26 |
| eksterordinara rezervo | Fr. | 159.21 |
| | Fr. | 1.286.85 |

Se vi aprobas la bilancon pri la 2a societa jaro, tiuj sumoj plialtiĝos jene:

| | | | |
|---|---|---|---|
| rezervo por amortizo de Inventaro | Fr. | 3.998.00 | |
| laŭleĝa rezervo 5 pc. | Fr. | 221.90 | |
| eksterordinara rezervo | Fr. | 425.00 | 4.644.90 |
| | | Fr. | 5.931.75 |

Jen la BILANCO JE LA 31a DE MARTO 1928a, aprobita de la ĝenerala kunveno:

AKTIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Akciuloj: pagota kapitalo | Fr. | 39.338.00 |
| Banko | Fr. | 11.770.54 |
| Poŝtĉekkonto | Fr. | 6.252.83 |
| Inventaro | Fr. | 26.654.18 |
| Ŝuldantoj | Fr. | 11.206.87 |
| Laŭstatutaj deponoj de Administrantoj kaj Komisaroj | Fr. | 4.000.— |
| | Fr. | 99.222.42 |

PASIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Subskribita kapitalo | Fr. | 69.900.00 |
| Kreditoroj | Fr. | 14.760.28 |
| Rezervoj: Amortizo de Inventaro (15 p.c.) | Fr. | 5.043.38 |
| — necertaj ŝuldantoj | Fr. | 215.60 |
| — Radio - kurso | Fr. | 100.— |
| — Impostoj 1926-27 | Fr. | 361.93 |
| — Laŭleĝa 5 pc. | Fr. | 82.26 |
| Dividendoj 1927 nepagitaj | Fr. | 3.12 |
| Eksterordinara rezervo | Fr. | 159.21 |
| Belga Ligo Esperantista | Fr. | 159.21 |
| Laŭstatutaj deponintoj | Fr. | 4.000.— |
| Nita profito: | Fr. | 4.373.43 |
| | Fr. | 99.222.42 |

La ĝenerala kunveno aŭdinte la raporton de la Komisaroj, laŭ propo-

no de la Administrantaro aprobis la dividon de la neta profito de Fr. 4.437.43, laŭ jena maniero:

| | | |
|---|---|---|
| Rezervo por impostoj (22 pc.) | Fr. | 976.23 |
| Laŭleĝa rezervo (5 pc.) | Fr. | 221.90 |
| Unua dividendo 5 pc. jare al la pagita kapitalo | Fr. | 798.38 |
| Dua dividendo: 2.50 pc. jare al la pagita kapit. | Fr. | 425.00 |
| Al Fondintakcioj po 1.50 | Fr. | 444.00 |
| Dua diivdendo: 2.50 pc. jare al la pagita kapit. | Fr. | 425.00 |
| Al Belga Ligo Esperantista | Fr. | 425.00 |
| Saldo transportota al sekvanta societa jaro | Fr. | 322.73 |

La Ĝenerala Kunveno de la 1a de Majo 1927 reelektis S-ron G. Vermandere kiel Administranton, kaj elektis S-ron R. Geerinck, kiel Komisaron por anstataŭi S-inon C. Nuyts-De Buyser, kiu eksiĝis pro manko de tempo.

Konforme al paragrafo 10 de la Statutoj S-ro Oscar Van Schoor, Administranto, kaj S-ro Louis De Hondt, Komisaro, estis reelektitaj por periodo de 6 jaroj.

La Administrantaro estas nun kunmetita jene:

Fr. Schoofs, M. Jaumotte, E. De Coster, G. Vermandere, M. De Ketelaere, Oscar Van Schoor, kaj la komisaroj estas: Ch. Van der Veken, H. Vermuyten, F-ino J. Morrens, L. De Hondt, R. Geerinck.

Per du specialaj voĉdonoj la ĝenerala kunveno kvitigis la Administrantaron kaj la Komisarojn de ilia direktado dum la pasinta societa jaro.

---

## POŜTISTOJ, TELEGRAFISTOJ, TELEFONISTOJ, RADIISTOJ..... ATENTU!

Nun, kiam Esperanto estas oficiale akceptita en la Telegrafo, kiam ĝia uzado pli kaj pli oftiĝas en Radio, estas nepre necese, ke ni faru senĉesan propagandon ĉe la oficistoj de P.T.T. por ke ili lernu nian lingvon. Ni do varme alvokas niajn gesamideanojn de P. T. T. por ke ili incitu siajn kolegojn iĝi Esperantistoj.

La sola internacia fakrevuo ilia aperas en Esperanto. Ĝi estas Interligilo de l'P. T. T., centra organo de fakinformoj. Teknika - Korporacia metia - faka - administracia - ilustrita. Aperas seninterrompe de 7 jaroj. Petu tuj senpagan specimenon.

Adreso: Petro Filliâtre, 54, rue Custine, Paris (18e). Jarabono: minimume 3 orfrankojn. — Ĉefdelegito por Belgujo: S-ro H. Wathelet, 11, rue des Vergers, Liége.

---

# LA HAVENTRAFIKO DE ANTVERPENO EN APRILO 1928

Dum Aprilo alvenis 979 marŝipoj kun entute 1.994.882 tunoj. Inter ili estis 7 velŝipoj kun 3484 tunoj.

Laŭ nacieco la ciferoj aspektas jene: 397 anglaj, 183 germanoj, 86 belgaj, 80 nederlandaj, 55 norvegaj, 43 francaj, 36 danaj, 34 svedaj, 17 amerikaj, 12 finnaj, 10 italaj, 6 japanaj 6 portugalaj, 4 brazilaj, 4 Danzigaj, k. t. p.

---

# ESPERANTO KAJ SCIENCOJ

Forestas la tempo kiam gravaj lingvaj profesoroj neis la viveblecon de universala helplingvo.

Estas vere hipnotigitaj klasikistoj kiuj ne ŝatas Esperanto'n, tute kiel iaj arheologistoj ne ŝatas artojn kies bazo estas modernaj teknikaj eblecoj.

Sed la kontraŭdiro malaperas; oni jam timas alveni en saman situacion kiel la doktoroj kiuj iam neis la valoron de l'eltrovoj de Pasteur. Eĉ kelkaj klasikistoj, kompreninte la gravecon de Esperanto, tre bedaŭras ke ili ne estas la eltrovintoj de la helplingvo, kaj ĵaluzas pri ĝi.

En rondoj de pli realaj sciencoj, oni multe pli bone komprenas la necesecon de helplingvo, ĉar oni vidas klare kiel la progresoj en sciencoj estas malhelpataj de la diverseco de la lingvoj per kiuj estas publikigataj la rezultatoj de l'sciencaj esploradoj.

Niaj samideanoj kiuj ĉeestis, antau tri jaroj, la sciencan kaj komercan konferencon en Paris, memoras kiel hele tiu punkto estas montrita de la emintentuloj DANIEL BERTHELOT (nun formortinta) kaj S-ro Profesoro CH. RICHET.

Des pli multnombraj estas la sciencistoj favoraj al Esperanto, ju pli facila estos la disvastiĝo de la helplingvo en la ĝenerala publiko.

La plej bona maniero disvastigi Esperanton estas montri ĝian uzadon: faktoj ĉiam estas pli efikaj ol paroloj.

La INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA klopodas pri tiu uzo en sciencaj revuoj, kaj atentigas ĉiujn samideanojn pri la graveco de tiu celo.

Kiu volas helpi, fariĝante membro de tiu asocio, sin turnu al la subskribinto de tiu ĉi noto, delegito de I. S. A. E. por nia lando. Aktivaj anoj pagas kotizaĵon de duono de dolaro.

C. Vandevelde, inĝeniero,
Zwarte Heirestraat, 230
Gendbrugge - Meirelbeke, apud Gent.

# NIA PROGRESADO

**ESPERANTO KAJ TURISMO.** — La oficejoj por Fremdul-trafiko de Stettin, Dresden kaj Dordrecht, publikigis prospekton en Esperanto. La aŭstria ministerio de Komerco kaj Turismo jus publikigis faldprospekton tute redaktitan en Esperanto, kiu estis ĉie distribuita en granda kvanto. Por konigi la memorfestojn okaze de la kvarcenta mortotago de l'fama pentristo Albrecht Dürer, la urba turisma oficejo de Nürnberg uzas Esperanton. I. E. S.

**LA POLICO KAJ ESPERANTO.** — Sekvante la ekzemplon de la ĉefurbo Vieno, kie la policistoj, parolantaj Esperanton portas specialan insignon, la polico de Linz (Aŭstrio) enkondukis la saman distingilon por la policistoj de tiu ĉi urbo, kiuj parolas la internacian helplingvon. En Praha kaj Leningrad novaj esperanto-kursoj por ĝendarmoj estas komencitaj. I. E.S.

**LA POSTO KAJ ESPERANTO.** — Post kiam la poŝto de l'Sovet-Unio de post kelka tempo uzas Esperanton sur formuloj, poŝtmarkoj k.t.p., la soveta administracio de P. T. T. ankaŭ aperigis poŝtmarkojn en tatara kaj kartvela lingvoj kun apudflanka traduko en Esperanto.
I. E. S.

**LA GRANDAJ INTERNACIAJ ORGANIZOJ KAJ ESPERANTO.** — La internaciajn kongresojn malhelpas pli kaj pli la lingvo-malfacilaĵoj. Estas do neniel surprizige ,ke en la internaciaj rondoj oni pli interesiĝas pri Esperanto. Oni vidas en ĝi rimedon por forigi malhelpon preskaŭ nesuperreblan.

**LA KONGRESO DE MONDA FEDERACIO DEL' SOCIETOJ DE EDUKADO,** kiu okazis en Toronto (Kanado) en lasta aŭgusto alprenis unuanime rezolucion rilate la uzon de la helplingvo en la kongresoj kaj ŝarĝis komisionon profunde studi la problemon.

**LA KOMITATO DE LA UNIO DE BULGARAJ FERVOJISTOJ** publikigis en sia ofciala organo (numero de decembro 1927) decidon de la Union, kies teksto sekvas tie ĉi.

La Unio decidas:

a) enkonduki en sian organon rubrikon de Esperanto por interesigi sian membraron al la studo de tiu ĉi lingvo kaj por informi sian kolegaron eksterlandan pri la ĉefaj punktoj de sia aktiveco.

b) uzi kiel eble plej baldaŭ Esperanton kiel solan korespond-lingvon internacian kun la oficejo de la Unio.

**LA HUNGARA SEKCIO DE LA TURISTA ASOCIO «LA NATURAMIKOJ»** alprenis en sia jara kunveno en Budapest en februaro 1928 deziresprimon:

1) rekomendi en la proksima kongreso internacia de l'Naturamikoj la studon de Esperanto al ĉiuj membroj.

2) la malfermon de Esperanto-kurso en ĉiuj grupoj kaj sekcioj.

3) la uzon de Esperanto por starigi rilatojn kun la grupoj en eksterlando.

4) la enkondukon de regula Esperanto-rubriko en sian oficialan organon. I. E. S.

## ESPERANTO EN LA LERNEJO.

EN AŬSTRIO. — La Administra Konsilantaro de Vieno decidis en unu el siaj lastaj kunsidoj la organizon de 24 novaj Esperanto-kursoj en la normal-lernejoj de la aŭstria ĉefurbo. — La fakultativa instruado de Esperanto estas enkondukita en la programon de la Instruista Seminario de Ströbersdorf.

EN FRANCUJO. — La Urba Lernejo por Eksterlanda Komerco kaj Reprezentado en Parizo, kie Esperanto estas instruata kiel libervola fako, ĵus por la unua fojo organizis ekzamenojn por havigi la oficialan diplomon pri la studo de Esperanto.

EN FINLANDO. — Esperanto estas ĵus enkondukita en la 3 klasojn de la normal-liceo finlanda en Helsingfors (Helsinki), kie la instruistojstudentoj de la instruista seminario devas doni siajn unuajn prov-lecionojn. La instruado estas deviga por la partoprenantoj de la kursoj.

EN ITALUJO. — La faŝista Instrua Instituto en Brescia enkondukis Esperanton en sian programon. Oni atendas, ke tiun ĉi ekzemplon oni sekvos en aliaj urboj. I. E. S.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

RADIO. HELPU NIN. — La Danaj radiostacioj Kopenhago kaj Kalundborg subite ĉesis la Esp.; - disaŭdigojn. Ĝis nun nur alvenis malmultaj protestoj pri tio kaj oni argumentas, ke la intereso ne estas sufiĉe granda en eksterlando. Samideanoj, ni montru, ke ne estas vere. Skribu tuj kaj amase mallongan alvokon pri novaj Esperanto-programresumoj. Adreso: Statsradiofonien. Köbmargade, Kopenhago, K. — La afero estas gravega,ĉar Kalundborg Radio estas unu el la plej novaj stacioj en Eŭropo. Centra Dana Esperantista Ligo.

THE ESPERANTO PUBLISHING COMPANY, LTD. — Ĉi tiu Kompanio fondiĝis por stimuli la eldonadon de altklasa Esperanta literaturo en Britujo. La unuaj direktoroj de la Kompanio estas S-roj Robert Robertson, Edmund W. Willcocks. kaj Cecil C. Goldsmith. Ĝi estas tute sendependa de la Brita Esperantista Asocio, sed la du organizaĵoj kunlaboros plenharmonie. La Kompanio faros komercon nur pograndan ; mendojn detalajn plenumos la B. E. A. kaj librovendistoj en la kutima maniero.

La unua libro eldonata estas: PRI LA ORIGINO DE L'HOMO, verkita de Prof. Sir Arthur Keith, M. D., D. Scc., L. L. D., F. R. S. Ĝi konsistas el lia Prezidanta Prelego en 1927 al la Brita Asocio por la Progresigo de la Scienco, kaj kaŭzis multan polemikon. Ĝi enhavos klarigajn ĉapitrojn poste aldonitajn de la aŭtoro. La verko estas tradukita de Prof. W. Brown, B. Sc., M. I. E. E., M. R. I. A., kaj S-ro

F R. A. Mc Cormick, A. R. S. Sc. I., A. M. I. C. E, I,, kaj eldoniĝas Esperante laŭ afabla permeso de la aŭtoro kaj de S-roj Watts & Ko., la eldonistoj de la Angla eldono. Verŝajne ĝi aperos je la fino de Aprilo.

Dum Majo aperos la romano LUNO DE IZRAEL, verkita de la mondkonata aŭtoro Sir H. Rider Haggard, kaj tradukita de S-roj E. S. Payson kaj M. C. Butler. Ne longe antaŭ sia morto la aŭtoro permesis la tradukon, kaj la posedantoj de la kopirajto, S-roj John Murray, donis permeson por ĝia eldoniĝo Esperanton.

INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO — Ekzistas plano pri la organizo de Esperanto-Muzeo Internacia en Vieno, ĉefurbo de Aŭstrujo. Honora komitato kaj administra Estraro jam ekzistas. La projekto estos diskutata dum la 20a Kongreso en Antverpeno.

---

# HUMORO

EDUKADO. — Infanoj, estu bonkondutaj hodiaŭ! Patro lezis al si la manon kaj ne kapablas doni vangfrapojn!

EN LA LERNEJO. — Ronjo, per kio oni baptas?

Ronjo. — e—e—e—e—e—e...

— Nu, mi helpos vin. Per kio via patrino lavas ĉiutage vian vizaĝon?

Ronjo. — Ha! nun mi scias, — per la viŝtuko!

INTERKONSENTO. — Li volis motociklon — ŝi aŭtomobilon. Do, daŭra, disputato. Iutage, amiko scianta pri la afero, lin renkontis:

— Nu, ĉu vi jam interkonsentis? — Ho jes!

— Kaj vi aĉetis ... ? — Infanveturileton.

PESIMISMO. — Bopatrino: Via aserto, ke la edziĝo malfortigas la amon, estas malvera je ĉiu vidpunkto. Male, la edziĝo subtenas la amon.

Bofilo. — Ja, kiel la ŝnuro subtenas la pendigiton.

ĈE LA HUNDOVENDISTO. — Kiom vi postulas por tiu granda hundo? — Tricent frankojn. — Kaj por tiu plimalgranda? — Mil frankojn. — Kaj por tiu tre malgranda? — Mil kvincent. — Kaj por tiu malgrandega? — Dumil frankojn. — Bona Dio! Kiom mi do devos pagi se mi neniun hundon aĉetas?

KURAĜIGA. — Pardonu, Sinjoro, sed mia estro diris, ke mi ne povas foriri antaŭ ol vi pagis.

— Bone, sed via estro miros, kiam li revidos vin kun griza barbo.

LECIONO. — La instruisto donis klarigojn pri la farado de la ŝtofoj. Li demandas al Petro: El kio estas farita via pantalono

Petro: El unu de mia patro, Sinjoro.

Instruisto: Jes, sed tion mi ne demandas; el kio estas farita via naztuko?

Petro: El la ĉemizo de mia patrino.

# BIBLIOGRAFIO

FABIOLA, romano pri la katakomboj, de Kardinalo Wiseman, el angla lingvo tradukita de Ramo, dua eldono reviziita de Em Robert. 15 × 20 cm., 440 paĝoj, 8 luksaj ekster- kaj multaj entekstaj ilustraĵoj. Prezo afrankite: Fr.fr. 35. Eldonis «Espero Katolika», 55, rue de Vaugirard, Parizo VI.

Ni ne devas skribi laŭdon pri tiu bone konata klasika libro. Ĝia traduko havas grandegan signifon por la Esperanto - movado, precipe en la katolikaj rondoj. Laŭ lingva vidpunkto ĝi estas ekzemplo. La eldono estas plej zorge farita. Unuvorte, ni senhezite povas rekomendi la verkon al ĉiu grupo kaj al ĉiu esperantisto kiu deziras kunmeti kolekton de bonaj Esperanto-libroj.

TRA LA PEDAGOGIAJ PARLAMENTOJ. No 2-3 de Internacia Pedagogia Revuo raportas pri ĉefkunvenoj 1927 de 17 instruistaj asocioj en 13 diversaj landoj. Havebla por 2 respondkuponoj ĉe M. Goldberg, Leipzig S. 3, Frohburgerstr., 68.

---

# KOMERCO

La firmo M. Luber & Ko el Saujon (Charente Inf.), Francujo, komercas konjakon kaj vinbrandon, kaj serĉas reprezentantojn en ĉiuj urboj, distriktoj kaj regionoj; petu esperantlingve kondiĉojn, donante samtempe komercajn referencojn. Tiu firmo ŝatus komerci eksterlanden per Esperanto, kaj uzas esp. komercmarkon.

---



---

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

## 18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO

TELEGRAF-ADRESO: "PERFECTA" GENT

TELEFONO: 635

---

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kauĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO

CIF AL ĈIUJ HAVENOJ




**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**

de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro:**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**
**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# L. Scheerders-Van Kerchove

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)